2.ª Ep. AÑO VIII N.º 44 (180) JULIO - AGOSTO 1970

# Boletin

DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

## GANDIA



Sur la ŝtuparo de la Duka Palaco de Gandía, kie okazis la kultura aranĝo de la Renkontiĝo, niaj valenciaj samideanoj pozas por BOLETIN.

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

*Director:*
Domingo Martínez Benavente
*Redacción y Administración:*
Inés Gastón
Paseo Marina Moreno, 35, 4.°, dcha.
ZARAGOZA

*ADRESOJ*

Hispana Esperanto-Federacio:
Prezidanto:
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.°
MADRID-16

Generala korespondado:
Sekretario:
S-ro Manuel Figuerola Palomo
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.°
MADRID-16

Monsendoj:
Kasisto:
S-ro Raimundo Ibáñez Crespo
Str. Princesa, 78, 2.°
MADRID-8
Ĉekkonto: N.° 24.692/10,
Banco Ibérico
Avda. José Antonio, 18
MADRID-14

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado al:
S-ro Salvador Aragay
Str. Bassegoda, 40, 3.°, 1.ª
BARCELONA-14

Libroservo kaj Eldona-Fako:
F-ino Inés Gastón
P.° Marina Moreno, 35, 4.°, dcha.
Ĉekkonto: N.° 17917, Banco Bilbao
ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 120 ptojn.

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankaŭ ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## de Secretaría

DONANTES DEL FONDO DE ADQUISICION LOCAL EN PROPIEDAD (F. A. L. P.)

1.ª Relación.

| | Pesetas |
|---|---|
| Junta Directiva de la Federación | 10.000 |
| Antonio Gamboa y Sánchez | 500 |
| Hispana Esperanto Junulara Sekcio | 1.000 |
| Urbano Gómez Collado | 500 |
| Gerardo Flores Martín | 2.000 |
| Grupo Esperantista «Fido kaj Espero» | 500 |
| Geedzoj Sancho Izquierdo | 1.000 |
| José García Antuña | 500 |
| Felipe Suárez Falcón | 500 |
| Eugenio Herrera Ochoa de Alda | 5.000 |
| Anónimo | 500 |
| Dionisio Dopico Marcote | 500 |
| Esperanto-Grupo, Biblioteca Balaguer | 1.000 |
| P. José M.ª Claramunt Claramunt | 500 |
| Conrado Berghänel | 500 |
| Ramón Molera Pedrals | 2.000 |
| Total | 26.500 |

Madrid, 7 de Julio de 1970

MANUEL FIGUEROLA PALOMO
SECRETARIO DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

### DONATIVOS PARA BOLETIN

| | |
|---|---|
| Suma anterior | 3.071 pts. |
| S. Arnella, Parets del Vallés | 1.000 " |
| | 4.071 " |

## deziras korespondi ...

POLLANDO. — Krapkowice 3, poste restante, woj. opolskie, F-ino Lena Bankowska 23 jaraĝa deziras korespondi kun hispanaj esperantistoj.

GERMANUJO. — 30 geknaboj 13-16 jaraĝaj deziras korespondi. Skribu unue al ESPERANTO, Pionierhaus, 195 Neuruppin, G.D.R.

BULGARUJO. — Plovdiv, ul. Katunica 12, F-ino Veneta Despotova, deziras korespondi kun hispanaj esperantistoj.

POLLANDO. — Krakow 28, Centrum C bl. 8/15, F-ino Bronislawa Pazdanowska, 29 jaraĝa deziras korespondi pri diversaj temoj kun hispanaj esperantistoj.

Mendu jam:
Afiŝojn de la 30-a H.E.K., 10 ptoj. unuo.
Glumarkojn de la 30-a H.E.K., folieto ses glum., 3 ptoj.
Glumarkojn de la 55-a U.K., folieto dek glum., 10 ptoj.
Poŝtkartojn de S.I.A., deko, 10 ptoj.
Kovertojn kun teksto: Esperanto, Internacia Lingvo aŭ Esperanto La Lengua Internacional, deko, 5 ptoj.
Esperanto-insignojn, glueblajn, rondajn, ovalajn kaj stelformajn, 10 ptoj. unuo.
Esperanto-insignojn, butonajn, kaj stelformajn, 8 ptoj. unuo.



# IIª FRANCA-HISPANA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

*27-29 junio 1970*



**Ĉe la piedo de Peña Oroel, partoprenantoj de la IIª Franca-Hispana Renkontiĝo admiras la belan pejzaĝon.**

Ĵus efektiviĝis laŭ maniero plej brila kaj kontentiga la II.ª FRANCA-HISPANA ESPERANTISTA RENKONTIĜO, ni plej bone povus nomi ĝin "Internacia", ĉar, ne nur francoj kaj hispanoj kunvenis, ankaŭ partoprenis ĝin britoj kaj usonanoj.

Kiam mi alvenis al la Universitata Restadejo, la akceptejo svarmis kiel abelujo; la aŭtobuso de Zaragoza kaj pluraj privataj aŭtomobiloj estis ĵus alvenintaj, sed la bona organizado kaj la kapableco de la deĵorantoj ebligis la rapidan loĝigon de la alvenintoj. Partoprenis en la Renkontiĝo pli ol cent gesamideanoj; krom la jam menciitaj esperantistoj el Britujo kaj Usono, ĉeestis gesamideanoj de Olorón, Pau, Epernay, Triel-sur-Seine, Madrid, Bilbao, Gerona, Barcelona, Sabadell, Tarrasa, Valencia, Jaca kaj Zaragoza.

En la Universitato akceptis nin Prof. Dro. Miguel Sancho Izquierdo kaj Fino. Inés Gastón kune kun aliaj membroj de H. T. E. S.

Ĉio glate funkciis, ĉiuj aranĝoj perfekte disvolviĝis, kaj la celo de la Renkontiĝo: plifirmigi la amikecon inter la esperantistoj estis atingita plej efike. Krome, en Jaca la semo bone enradikiĝis, ni esperu ke ĝi fruktiĝos en tre proksima estonto.

Ĉar en Jaca okazis tiam la tradiciaj festoj, la 27-an vespere, oni pli preferis partopreni en ili, ol admiri prezentadon de diapozitivoj kiel estis organizite pro ebla laceco en la vojaĝintoj.

Kiel programite, la 28-an matene, okazis la kultura aranĝo.

Apud la prezida tablo, Prof. Dro. Miguel Sancho Izquierdo; Sro. Angel Figuerola, Prezidanto de HEF.; Sro. Arnold J. Leather, el Britujo kaj Sro. Maurice Henry, el Francujo.

Dro. Sancho Izquierdo malfermis la kunvenon per jenaj vortoj:

"Se la suno havus okulojn certe ĝi ĝuus vidante belan spektaklon kiam, en ĝia krepusko, ĝiaj lastaj lumradioj bele kolorigas la pejzaĝon. Same mi maljuna esperantisto kiu ĉiam, en aktivaj kaj en neaktivaj jaroj de mia longan vivo luktis aŭ almenaŭ revis pri Esperanto, kiam mi supreniras al la viva horizonto, ĉiam optimista, ĉiam esperanta —ĉar mi estas esperantisto— mi vidas rozkolare la venontajn tempojn.

Mi sentis ĉiam la internan ideon de Esperanto: la fratecon —tiel, kiel estis nomita nia zaragozana Klubo— inter ĉiuj homoj. Sed mi sentis, ankaŭ ĉiam, specialan amikan senton rilate al niaj najbaroj, al kiuj loĝas en la alia flanko de la Pirenea Montaro kiu ne estas por ni baro, sed laĉo. Tiel, mi iniciatis kunvenojn inter profesoroj de Juraj Fakultatoj en Universitatoj francaj kaj hispanaj troviĝantaj apud nia Pirenea Montaro kaj, same, mi partoprenis ĉiujn Kongresojn de Pireneaj Studoj.

Mi diras tion ne por fanfaroni, sed por pravigi miajn vortojn en la renkontiĝo de Gerona kiuj okazigis ĉi tian kunvenon, unue en Perpignan kaj nun en Jaca. Mi nur bedaŭras la neĉeeston ĉi tie de Dro. Albault kaj de Sro. Llech-Walter, kiu gastigis nin en Perpignan kaj estis nun nia invitito.

Aliflanke, urĝaj negocoj malebligis la ĉeeston ĉi tie de nia amiko kaj Fratecano Fernando de Diego, kies paroladon legos Emilio Pérez kaj la poeziojn Fernando de La Puente.

Estu, do, bone alvenintaj ĉiuj al Jaca, kies mirindaĵojn vi povis aŭ povos rigardi, speciale la Prezidanto de la Hispana Landa Asocio al kiu mi prezentas miajn respektesprimojn. Mi, en la nomo de "Frateco" dankas vin kaj deziras al vi ĉiuj feliĉan restadon en ĉi tiu aragona urbo."

Grandaj aplaŭdoj kronis la vortojn de Dro. Sancho Izquierdo.

Fino. Inés Gastón laŭtlegis poŝtkarton de Dro. Albault per kiu li anoncas sian nepartoprenon; ŝi ankaŭ legis la ricevitajn salutojn el diversaj landoj, inter kiuj elstaras tiuj de Lia Moŝto Vicrektoro de la Universitato de Zaragoza; Moŝto Ĝenerala Direktoro pri Turismo kaj de Lia Ekscelenco Ministro pri Informado kaj Turismo. Per varmaj aplaŭdoj la ĉeestantoj reciprokis la ricevitajn salutojn.

Sekvis la prelego de Sro. de Diego en la voĉoj de Sro. Emilio Pérez kaj Dro. Fernando de La Puente, kiuj bonege legis ĝin. Temo de la prelego: "García Lorca kaj lia Cigana Romancaro". Pri ĝi, kion diri? Mi kuraĝas peti de la redaktoro de BOLETIN la publikigon de tiu interesa kaj bela studo pri la andaluzia poeto. Grandaj aplaŭdoj premiis la disertacion kaj la legantojn.

Per belaj kaj emociigaj vortoj Sro. Maurice Henry el Triel-sur-Seine salutis nome de la francaj esperantistoj emfazante la celon de la Renkontiĝo.

Sro. Leathers, kiu salutis ankaŭ nome de la Brita Esperanto-Asocio, invitis al partopreno en la U. K. okazonta venontjare en Londono. Ambaŭ samideanoj estis varme aplaŭditaj.

Fine, la Prezidanto de H. E. F., Sro. Angel Figuerola alparolis al la ĉeestantoj. Unu plian fojon mi volas danki al Prof. Dro. Miguel Sancho Izquierdo, prezi-



**En Oroel, esperantistaj gejunuloj montras, kiel oni dancu la katalunan «sardana»**

danto de la veteranega asocio "Frateco" kaj al Fino. Inés Gastón, prezidantino de la vigla sekcio de turismo de H. E. F., pro ilia laboro kaj sindonemo. Multe ni ŝuldas —li diris— al ili, kies kapableco kaj prestiĝo estas je la servo de la Hispana Esperanto-Federacio, nura asocio, kiu reprezentas la hispanan esperantistaron, kaj de la Esperanto-movado ĝenerale.

Tondra aplaŭdado premiis la kontribuon de nia Prezidanto, per kiu finiĝis la solenaĵo.

Je la 13.ª kaj duono ni veturis per aŭtobusoj al la restoracio OROEL, sur la monto Peña Oroel, kiu majeste elstaras inter la montoj de la Pirenea ĉeno. Tie, ni povis ĝui belegan vidaĵon; la pura aero kaj la odoro de la braĝe rostita viando helpis por ke nia apetito estu bona, neniam mi manĝis kaj vidis manĝi tiel abunde. La gejunuloj gaje kantis, kaj je la fino ni kantis nian himnon: La Espero.



**En la tago de Sankta Petro, antaŭ la impona fono de Selva de Oza (Hecho) oni manĝas kun apetito sub la libera ĉielo.**

Reveninte al Jaca, vespere, okazis la akcepto de ĉiuj partoprenantoj fare de la Urbestraro; vizitinte la belan urbodomon, en la granda salono, la Urbestro bonvenigis nin per bela kaj esperiga parolado. Respondis Dro. Sancho Izquierdo, kiu dankis la Urbestron, ankaŭ nome de la Hispana Esperanto-Federacio. Ambaŭ estis varme aplaŭditaj.

Tuj sekve ni iris en la akceptejon kie la Urbestraro regalis nin abunde kaj delikate, kaj kie atendis nin agrabla surprizo: la kanthoro de Jaca estis preta por kanti kun ni la Kanzonon de l' Festival', sed, feliĉe, neniu el ni kuraĝis akompani ilin; ili kantis mirige; diversajn kanzonojn de sia repertuaro ĝi kantis por ni kaj la miro kaj entuziasmo de la esperantistoj kreskis ĉiumomente. Jaca sinjoreca kaj gastama akceptis nin kun la simpatio kaj nobleco kiu distingas la aragonanojn, kaj kun la gajeco de siaj festoj.

La 29-an, je la deka matene, ni ekveturis al Hecho, kie ni vizitis —krom la vilaĝo— la prahejmon de familio Gastón. Akceptis nin Fino. Emilia Gastón kaj ŝiaj genevoj, la geedzoj Emilio kaj Mariví, kiuj regalis nin per aperitivo. En ilia vinkelo, laŭ diro de Inés Gastón, kiu neniam mensogas, ni gustumis la plej bonan vinon el la mondo.

Hecho: Multe mi aŭdis pri tiu vilaĝo situanta meze de la Pirenea montaro, kiu donas nomon al la valo, kaj kies komunumo konsistas el kvar vilaĝetoj; mi deziris konstati kion pri Hecho kaj ĝiaj loĝantoj mi aŭdis.

La gastameco de Hecho estas de aperta hejmo, la "chesos" oferas sian amikecon per la nevideblaj vojoj de la koro kaj tuj ni nin sentas ligitaj al la ensorĉo de ilia kora afableco. Sidantaj antaŭ la "Cruz del d'Echo" mi konis homojn, kiuj ŝajnis skulptitaj el ŝtono, sed, kies simpatio kaj afableco kaptas la animon de kiuj ilin aŭskultas. Ili parolis al mi pri la impona beleco de la valo, pri ĝiaj legendoj... Mi aŭdis paroli emfaze pri "Peña Forca", "Acher",



**Ĉu popola kanto? Ĉu moderna svingo? La postmanĝon en Selva de Oza karakterizis gaje laŭtatona humoro.**

"Visaurín", la "Circo de la Mistresa"... kaj mi luktis inter mia deziro plu aŭskulti pasintajn okazintaĵojn kaj mia scivolemo koni tiujn imponajn belaĵojn. "Peña Forca"-n oni admiras kiel fonon de la valo...

Survoje al Oza, ni haltis en Siresa por viziti la Monaĥejon dediĉitan al Sankta Petro de visigotika tradicio, jam menciita kiel ekzistanta en la IX.ª jarcento. Laŭ malnova onidiro, ĝia fasado havas tiom da anguloj kiom da tagoj havas unu jaro: 365, kaj, se oni kalkulas ilin en superjaro, la anguloj estas 366.

La Monaĥejo, romanika, estas ja vizitinda.

Fine ni alvenis al Oza, multe mi aŭdis pri tiu valo kun densa arbaro, ĉirkaŭita de altegaj montoj, kies majesta grandeco igas ke ni pensu pri Dio. Kaj, en mia plej profunda korsento mi, al mi promesas reveni por trankvile ĝui tiun imponan belecon.

Alveninte, ni estas agrable surprizitaj; inter la flagoj kiuj flirtas en la pura aero de Oza, ĉirkaŭ la "camping", estas la esperanta flago; oni klarigas al ni, ke antaŭ du jaroj tiu "camping" estis inaŭgurita okaze de la vizito al Oza de la partoprenantoj en la Oficiala Postkongreso.

La tabloj por la tagmanĝo estis pretaj liberaere, tiamaniere, ni povis ĝui la trankvilan belecon de la pejzaĵo. Dum oni kuiris por ni la "migas" tipa manĝaĵo de la ŝafgardistoj, ni iomete promenis kaj decidis supreniri la montojn post la tagmanĝo por pluki fragojn, kiuj tre abundas en tiu valo, sed... Mariví, la simpatia edzino de Emilio Gastón, ludis gitaron, kaj nia decido restis en nia menso por venonta jaro, kaj la fragoj restis sur la deklivoj de la montoj, kiel sangaj gutetoj inter la verdaj folioj de la plantoj. Ĝis la sepa vespere daŭris la festo; kelkaj gesamideanoj loĝantaj en plej malproksimaj urboj, forveturis antaŭ ol ĝi finiĝis...

En "Puente la Reina" okazis la fina adiaŭo, kelkaj samideanoj reiris al Jaca por daŭrigi la veturon al siaj hejmoj la sekvantan tagon; la ceteraj sekvis diversajn vojojn, al Zaragoza, Pamplona, Katalanujo...

Dro. Sancho Izquierdo diris en siaj bonvenigaj vortoj ke li bedaŭras la neĉeeston de Dro. Albault kaj Sro. Llech-Walter; post la okazigo de la II.ª Franca-Hispana Renkontiĝo, mi aldonas al tiu bedaŭro, la mian, ĉar ili perdis la plej belan okazon travivi neforgeseblajn tagojn.

Kaj nun, nur restas al mi danki unu plian fojon al la organizantoj, pro ilia sindonemo, gastameco kaj bona organizado, speciale al niaj karaj Don Miguel kaj al Inés Gastón.

R. B.

## NOTOJ DE LA REDAKCIO

En la monato aŭgusto oni komencos en Jaca, kurson de Esperanto interkonsente kun la Urbestro, kiu —laŭ sia diro— estos la unua lernanto.

Pri la Renkontiĝo en Jaca informis pluraj Radiostacioj kaj ĵurnaloj.

# POST LA MORTO DE GRANDA POETO

José Carner, la poeto de la katalunoj, nomita en Katalanujo "princo de ĝiaj poetoj" mortis 86 jaraĝa en Bruselo, tuj post sia vizito al Barcelona, post tiom da jaroj da ekzilo en Eŭropo kaj Ameriko.

Dum sia juneco, li multe laboris por la Literatura Renesanco, kiun iniciatis Carlos Aribau (1798-1862); Movado, kies karaktero estis alte patriota. Li restarigis la Florajn Ludojn de la XV.ª jarcento, kaj fervore luktis por levi kaj revivigi la katalunajn lingvon kaj Literaturon.

Carner estis unu el la plej signifaj defendantoj de tiu grandioza kataluna florado de la Mezepoko. Li estis la kvara el sia promocio en la Kariero pri Konsulaj aferoj, li scipovis plurajn lingvojn, sed sian tutan poezian verkadon li faris daŭre en magia kataluna lingvo, pudora koncerne ĝian lirikan esencon kaj perfekte korekta en lia ĉiama uzado.

Jen unu el liaj poemoj tradukita al Esperanto de Jaime Grau Casas.

# KANTO TIMEMA

Ne scias ŝi ke premas min
ŝia vidiĝo graciplena,
ke por turmenti montras sin
ŝia rigard' tiel serena,
ke ŝia helo pelis for
la tagan lumon kun envio.
Iru kun tim', ho plend-sonor'
de poezio,
al l' amatin' de mia kor'
en agonio.

Mi nur konfuze vidas ŝin
post la fenestr', en malproksimo;
ne estas kisoj pli sen fin'
ol ardaj revoj de amtimo;
ŝin malproksiman kun pasio
ofte mi kisis en dolĉ-plor'.
Iru kun tim', ho plend-sonor'
de poezio,
al l' amatin' de mia kor'
en agonio.

Iru, ne diru pri l' sekret':
ke ŝi ne sciu min am-svena;
se ĉe l' eliro de vojet'
al mi ŝi venus amoplena
kaj de ŝi trafus min l' odor',
mortigus min amemocio...
Ekiru for, ho plend-sonor'
de poezio,
al la trezor' de mia kor'
en agonio.

## ★ NIAJ GRUPOJ

### SABADELL

Organizite de Centro de Esperanto de Sabadell, la 26-an de aprilo dek esperantistoj de la provinco de Barcelona ekskursis al Perpignan okaze de la jara kunveno de la Esperanto-Federacio, Languedoc-Roussillon.

Celo de la barcelonaj esperantistoj estis inviti la kunvenantojn por ke ili partoprenu en la 12.ª Barcelona Provinca Renkontiĝo, —tiam okazonta— la 21-an de junio, kaj, samtempe, disdoni la broŝurojn kaj afiŝojn en Esperanto, eldonitajn de la Internacia Specimen-Foiro de Barcelona.



Partoprenantoj en la Kunveno, inter ili la barcelonaj esperantistoj.

### VALLADOLID

La simpatia paro M.ª José Zalama kaj Francisco Castañón, ambaŭ aktivaj membroj de la Esperanto-grupo "Fido kaj Espero", celebris sian geedziĝon la 30-an de la pasinta marto.

Multajn gratulojn ili ricevis, al kiuj ni aldonas la nian plej sinceran.

# VALENCIA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

## GANDIA, 7 Junio 1970





Apetitiga «paella» manĝota de niaj gesamideanoj en la plaĝo de Gandía.

La II.ª Valencia Esperantista Renkontiĝo okazis en la bela urbo Gandía, kun granda sukceso pri entuziasmo, organizo kaj efiko. Per ĝi estis celebrata la fino de la kurso de Esperanto 1969-1970, kiu disvolviĝis en la Grupo de Valencio.

Partoprenis multaj valenciaj samideanoj kaj kursanoj, reprezentantoj de diversaj urbetoj kaj vilaĝoj el la regiono, kaj samideanoj el Alicante, Alcoy, Benidorm kaj Jávea. Ankaŭ renkontiĝis samideanoj el Katalunujo kaj Madrido. La dana esperantistino Anna Jorgense, per sia ĉeesto kaj saluto internaciigis, iamaniere, la karakteron de la kunveno.

Per diversaj busoj kaj privataj aŭtomobiloj, la renkontiĝantoj aliris al Gandía, post kampara survoja matenmanĝo. La Duka Palaco loĝigis la renkontiĝon.

Post la Diservo en la Kapelo de la Palaco, okazis la kunsido, gvidate de sam.º Rafaelo Moral López, elstara gandía samideano; salutis la diversaj reprezentantoj de la regiono kaj la invititoj. Je la fino, sam.º Johano Devís Calpe, Prezidanto de la Valencia Grupo, alparolis la multenombran ĉeestantaron —hispane, por la invititoj, kaj esperante, por la esperantistoj— kuraĝigante ilin por ke ĉiuj persistu en nia nobla strebo por triumfigi Esperanton.

Oni publikigis la nomojn de la lernantoj kiuj elstare sukcesis, nome: Johano Ciscar Bertó, María Ferri Belda, Juan Manuel Alandes, Vicente Segura Aguado. Per notindaj ekzercoj pruvis sian kapablon: M.ª Pilar Alcaraz, M.ª Luisa Ibáñez, Guzmán Cabañero kaj M.ª Carmen Pérez.

Je la fino de la kontentiga kunveno, ĉiuj vizitis la historiajn salonojn de la Palaco kaj admiris la artajn riĉaĵojn kiujn ĝi enhavas.

Por inde daŭrigi la feston, la renkontiĝantoj sin turnis al la Plaĝo de Gandía, kie multaj ĝuis la favorojn de la maro kaj de la suno.

Komuna, gaja kaj satiga "paella" estis la logika fino de tiel agrabla Renkontiĝo, kies ripeto, venontjare, en Alicante-Benidorm, estas, jam, esperata... kaj sopirata!

## Rev. Julián Nieto Tapia

**El día 24 de mayo, falleció en Zaragoza D. Julián Nieto. Para muchos puede** que este nombre no tenga gran significación, porque D. Julian, persona modesta, procuraba pasar siempre desapercibido, pero los esperantistas zaragozanos sabemos que con su muerte hemos perdido un ferviente y entusiasta *samideano,* siempre dispuesto para ayudar al prójimo.

**Sacerdote, Periodista y Maestro Nacional, ingresó en el movimiento esperantista en el año 1933, cuando organizados por la Asociación Esperantista Española tuvieron lugar cursos de Esperanto para maestros en distintas ciudades.** El asistió al celebrado en el Grupo "Zaragoza Esperantista" y ganó una de las once becas concedidas por el Ministerio de Educación Nacional, para asistir al Congreso Universal de Esperanto celebrado en Köln (Alemania).

**Desde entonces, muchos cursos de Esperanto dio en el Grupo Escolar a que pertenecía, siendo ferviente propagandista de la lengua internacional.**

**Descanse en paz nuestro respetado y querido amigo.**

---

## Engracia Juliá de Ricou

**Con sorpresa y pena hemos recibido la noticia del fallecimiento en Gerona de D.ª Engracia Juliá, esposa de nuestro buen amigo y samideano D. Ramón** Ricou Pujadas.

**D.ª Engracia era personificación de amabilidad y simpatía, por lo que ha dejado entre los que la trataban un hueco muy difícil de llenar.**

Descanse en paz.

A su familia y especialmente a su esposo, enviamos la expresión de nuestro sincero pésame.

---

## Concepción Iglesias Diez

En Valladolid falleció el pasado 20 de abril, D.ª CONCEPCION IGLESIAS DIEZ, madre de nuestra activa y entusiasta compañera Tinuca Tranque.

Su muerte dejó dolorosamente impresionados a los esperantistas de Valladolid, entre los que la finada contaba con numerosas simpatías, lo mismo que nos ha dejado a nosotros al recibir esta información.

A toda la familia y en especial a su hija Tinuca, enviamos la expresión de nuestra más sincera condolencia.

Descanse en paz.

---

El Grupo Esperantista de Bilbao ha perdido dos de sus miembros: D. CIRILO LAPEÑA y D. JULIO ANTIGÜEDAD, ambos entusiastas esperantistas desde hace varios años.

También de Bilbao nos informan del fallecimiento en la capital vizcaina de D. ANGEL BOLAÑOS, padre del conocido esperantista D. Angel Bolaños Martínez, y del de la esposa de D. Santiago Arizmendi, antiguo esperantista de Eibar.

Descansen en paz.

A sus familias y en especial a D. Angel Bolaños y D. Santiago Arizmendi, y al Grupo Esperantista de Bilbao, enviamos nuestro más sentido pésame.

## *PREMIO "COMELLA-BASSOLS"*

Per la jena, amuza, aŭtobiografia rakonto, S-ro. Teo Jung gajnis en la jaro 1969 la premion de la konkurso "Comella-Bassols". Estus superflue paroli pri la elstara figuro de S-ro. Teo Jung, fondinto de "Heroldo de Esperanto", ĵurnalisto, poeto kaj senlaca aktivulo en Esperantujo. Kun plezuro ni publikigas lian rakonton plenumante tiel, samtempe, unu el la lastaj deziroj de nia karmemora samideano, S-ro. Francesc Vilà, kiu, siatempe, estis sekretario de la ĵurio de la konkurso "Comella-Bassols".

# BENINDA INFANECO

*Plenĝui jam la unuan vivotagon...*

Evidente ekregis min en la lasta fazo antaŭ mia naskiĝo nevenkebla malpacienco ekvidi la lumon de la mondo. Miaj gepatroj atendis min kiel ĉielan donacon je Kristnasko, sed mi aperis jam kvar tagojn pli frue, eĉ antaŭ la sunleviĝo. Precize: la dudek-unuan de decembro de la jaro mil okcent naŭdek-du, je la sesa matene. Tio pruvas, ke jam la unuan tagon de mia vivo mi volis ĝui plene, tiom pli, ĉar la dudek-unua de decembro estas norde de la ekvatoro la plej mallonga tago de la tuta jaro.

Ne tre kredebla estas la fabelo, kiun oni rakontis al mi kelkajn jarojn poste, ke la cikonio, erarinte pri la dato, tro frue elbekis min el la malvasta kaj malluma puto —restadejo de la nenaskitaj beboj sur proksima altaĵeto— por fluge alporti min al la domo en la urbeto, kie loĝis tiam miaj gepatroj. Pli verŝajne mi sentis la patrinan uteron tro malvasta kaj malluma kaj faris ĉion eblan por kiel eble plej baldaŭ forlasi tiun malagrablan karceron.

Kvankam mi ne plu memoras pri la unua akcepto hejme, oni povas supozi, ke miaj gepatroj salutis mian alvenon kun ĝojo -post pli ol dujara edzeco mi ja estis ilia unuenaskito.

*Ĉu vi povas imagi porkoŝafon?*

Pri la unuaj jaroj de mia vivo mi kompreneble ne multe memoras. Unu okazintaĵo tamen restis fiksita en kaj, kiel cikatro, eĉ sur mia kapo nun jam duone kalviĝinta. Tio estis, kiam nia servistino verŝis sur min poton de bolanta lakto. Ĝi okazis, kiam mi havis tri aŭ kvar jarojn. Kompreneble, longan tempon poste mi sentis infanan koleron kontraŭ la malbonfarintino, kaj mi traktis ŝin per plej strangaj kombinitaj bestonomoj, kiel ekzemple: porkoŝafo, azenbovo, leporkokino kaj similaj, kiuj povus sukcese konkuri kun la monstraj kimeroj de la antikvaj helenoj. Pro tiuj "karesvortoj" —pro ĉiu el ili— mi certe meritus neforgesindan vergobaton, se la doloroj de la brulvundo tiam ne estus konsideritaj kiel ekskuzo praviganta indulgon. Sed estas ja verŝajne, ke la kulpo pri la akcidento estis je mia propra flanko, t. e. ke mi senatente kuris kontraŭ la servistino ĝuste en la momento, kiam ŝi prenis la poton kun la bolanta lakto de sur la kuirforno. Kaj kelkajn jarojn poste, kiam mi estis lerninta, ke ne decas insulti, mi ja hontis esti uzinta tiajn maldecajn vortojn kontraŭ nia bonvola servistino.

*Feliĉa familio; sed "ĉu ni estis riĉaj"?*

La urbeto, kie mi naskiĝis kaj kie mi pasigis la unuajn jarojn de mia vivo, estis bonstata komunumo en preskaŭ ebena regiono tre fruktodona; sed ĝi aspektis pli vilaĝa ol urba. En mia infana tempo oni nomis ĝin "foirmakulo", kaj ĝi havis proksimume du mil loĝantojn; sed tiu "makulo" estis jam pli ol miljar-aĝa kaj ĉefloko de subdistrikto, al kiu apartenis krom ĝi sep najbaraj vilaĝoj [1].

Mia patro —et-entreprenisto [2] veninta en la urbeton kiel fremdulo— estis honesta, bonkora kaj progresema homo, krome ankaŭ diligenta kaj fidinda laboranto. Kaj laboro ja ne mankis al li en loko, al kiu malfacile estis altiri helpantojn; ĉar kiu volus sin forkaŝi en urbeto kampara, kie li estus fremda kaj kie la vivo postlabora prezentis ne multan distradon krom dekduo da trink- kaj drinkejoj kaj, sporade, festeto eklezia, foira aŭ la aranĝo de ia loka unuiĝo? Ekzistis ankaŭ, plurfoje ĉiutage, ebleco fervo-

je veturi ĉ. dek-sep kilometrojn al urbo[3] negranda sed konata pro sia universitato. Naturamanto povus trovi plezuron, promenante tra la kampoj; eĉ vasta arbaro[4] estis piede atingebla post duona horo, kaj post tri-kvarhora marŝo oni atingus romantikan riverValon kaj montojn kun ravaj perspektivoj[5]. Sed ne ĉiu homo estas naturamanto, kaj ne ĉiu ŝatas entrepreni longajn marŝojn. Nuntempe, cetere, kiam ĉiu dua aŭ tria familio jam posedas aŭtomobilon kaj la moderna trafiko ŝrumpigis la distancojn, mia naskiĝurbeto fariĝis eĉ ideala loĝloko. Sed antaŭ sepdeko da jaroj ĝi estis pli malpli izolita kaj por fremdulo neniel alloga.

Mian patron tio ne multe ĝenis, li ja havis sian entreprenon kaj siajn variajn taskojn. Mi memoras lin el tiu tempo ne alie krom laboranta, ofte ankaŭ dimanĉe kaj en la ĉefa sezono eĉ dum tutaj noktoj, kaj tamen, ne malofte, kantanta; kutime li kantis ariojn el operoj. Sed la patrino, cetere naŭ jarojn pli juna ol la edzo, sentis sin malpli kontenta. Ankaŭ ŝi ne povis plendi pri manko de laboro: la granda domo kun alkonstruaĵoj, korto kaj ĝardeno, kaj tri infanoj —post mi venis ankoraŭ unu frato kaj unu fratineto— postulis prizorgon, kaj fojfoje ŝi devis helpi ĉe la laboroj de la edzo. Tamen ŝi ĉiam alsopiris tagon, kiam la cirkonstancoj permesis al ŝi fervoje "veturi al la urbo", kie ŝi povis renkonti amikinon el sia naskiĝloko, rigardi butikojn kaj viziti kafejon. Ni infanoj ĉiam ĝojis pri tiaj neoftaj ekskursoj de panjo, ĉar reveninte ŝi kutime kunportis por ni ĉokoladon aŭ dolĉaĵojn.

Generale, laŭ miaj memoroj, ni estis feliĉa familio kaj, en la urbeto, estimata kaj respektata; ĉiukaze mi havis benitan infanecon, kaj ŝajne nenio mankis al mi. Mi memoras, ke iutage mi demandis mian patron: "Ĉu ni estas riĉaj?" Amuzite sed iom amare li ridetis: "Nu, riĉaj? Ni ja vivas."

Riĉaj je mono ni certe ne estis. Estas verŝajne, ke mia patro precipe en la komenco devis esti tre ŝparema por povi depagi la aĉetprezon de la entrepreno, kiun li estis transpreninta de antaŭa posedanto; kaj antaŭe li sendube bezonis jarojn por povi el sia modesta tiama enspezo kiel salajrulo flankmeti la sumon bezonatan por la alpago. Sed ni vivis. Pri ia materia manko almenaŭ ni infanoj ne sciis, aŭ ne konsciis, kaj certe ni ne konis zorgon. Kaj ekzistis por ni abunda ebleco por ludi kaj amuziĝi kun niaj gekamaradoj. Ni ja havis je nia dispono la korton kaj la ĝardenon, iom sovaĝan, kie kreskis variaj fruktarboj, ribujoj, grosujoj, siringoj kaj iom da floroj. Unu areeto en la ĝardeno servis al ni kiel "prerio"; tie abundis herbaĉo kaj urtikoj, tie ni ankaŭ fosis grandan truon kaj el argila tero knedis "kukojn" kaj diversajn figurojn, kiujn ni poste bakis en la suno.

Ne malofte ankaŭ la strato estis ŝatata ludejo, kvankam la gepatroj avertis pri la "danĝeraj" veturiloj: ĉevalaŭ bovotirataj ĉaroj, foje ankaŭ kaleŝo (aŭ eĉ, sporade en tiu pasinta periodo, aŭtomobilo) Pli danĝeraj estis, dimanĉe, la bicikloklubanoj, kiam ili venis el la universitata urbo tra nia urbeto por ekskursi al la jam menciita romantika valo, ĉar kutime ili "rajdis" tri- aŭ kvarope unu apud la alia, okupante la tutan stratlarĝon. Biciklado estis en tiu tempo precipe nur sporto praktikata de malmultaj.

*Mi vetkurigas limakojn, mistifikas kokinojn, imitas gurdiston kaj preskaŭ kaŭzas brulegon*

Ankaŭ sola mi sukcesis bone amuziĝi. Ekzemple, sur ligna tabulo longforma mi aranĝis vetkuradon de limakoj, depikitaj de sur la arbustoj. Kaj kun vervo mi instige alvokis jen iun jen alian: "Hej, ĝibulo, pli rapide! ne timu, ke via domaĉo defalos! Kaj ci, hezitulo, ne oblikve sed rekte alcele! Kaj ci, inerta, antaŭen! Jam bone tiel! Jen...".

Aliafoje estis la kokinoj, kiuj devis servi kiel objekto por mia amuziĝo. El kestoj kaj tabuloj, servintaj kiel pakumo por la materialo, kiun ricevis mia patro el la fabriko, mi konstruis en la korto ĉambreton kun longa malrekta koridoro kondukanta al ĝi. Poste mi rampis kun manpleno da maizo en la koridoron kaj tra ĝi, faligante iom post iom la maizerojn, ĝis mi atingis la "ĉambreton". Tie mi streĉe atendis, kaŭrante, la okazontaĵojn. Longe atendi mi ne bezonis. Unu kokino, rimarkinte maizeron ĉe la eniro de la koridoro, bekpikis ĝin de la tero kaj enpenetris la koridoron. Dua kaj pliaj koki-

noj sekvis. Ĉio restis trankvila, ĝis... Jes, ĝis la unua kokino, atinginte mian "ĉambreton", min ekvidis. Tiam estis subite, kvazaŭ la infero ellasis ĉiujn demonojn: lamentegante la kokinoj disetendis siajn flugilojn, baraktis en la malvasta koridoro, la tabula konstruaĵo disfalis krakante, la patron tiu pandemonio alflugigis el la laborejo, panjo pafiĝis el la kuirejo, eĉ najbara virino alkuris pro la tumulto, -kaj mi ne plu memoras sed nur supozas, ke la kaŭzinto de ĉi tiu groteska spektaklo rikoltis ne malfortan punpredikon.

Pli agrablajn tonojn ol el la gorĝoj de la mistifikitaj kokinoj mi, supozeble, ellogis el simpla tirharmoniko, ricevita kiel Kristnaska donaco. Mi ŝatis, kun la instrumento sidi sur la ŝtupo antaŭ nia dompordo, aŭ iri kun ĝi de domo al domo, imitante gurdiston, kaj antaŭ ĉiu dompordo ludi diversajn melodiojn lernitajn de gurdistoj, de kermesaj orgenoj aŭ de fajfantaj pasantoj. Jam iom pli aĝa, mi volonte eksidis en la korto sur kesteto, antaŭ pli granda kesto kun, sur ĝi, granda blanka paperfolio, sur kiu mi desegnis kermeson. Apud ĉiu karuselo kaj boatbalancilo mi notis la melodiojn, kiujn ludis iliaj gurdoj. Kaj poste mi zumis por mi unu post alia ĉiujn ĉi melodiojn, kune kun ilia ritma bas-tona akompano. Ankoraŭ pli aĝa kaj jam fariĝinte junulo, mi ŝatis kun samaĝuloj tuttage migradi tra belaj pejzaĝoj, ludante mandolinon; sed tio apartenas al pli malfrua periodo en mia vivo.

Ĉu mi posedis talenton por muziko? Se vere ĝin mi havus, mi ne povus ĝis nun esti senespera fuŝulo sur la piano. Sed muzikema mi ja estis.

Dum malbona vetero mi restis prefere en la subtegmentejo, kaŭrante kaj rampante sur la planko, ligante kaj malligante primitive el papero tonditajn lokomotivojn kaj vagonojn. Pli aĝa, mi desegnis, kolorigis, eltondis kaj, por povi starigi ilin, per ŝtipo provizis dudimensiajn soldatojn aŭ indianojn, tutajn kompaniojn da soldatoj kaj tutajn tribojn da indianoj, -aŭ mi eltondis kaj kungluis tridimensiajn domojn, preĝejojn ktp., tutan miniaturan vilaĝon. Unufoje mi decidis, ke incendio devas detrui almenaŭ parton de tiu papera vilaĝo; feliĉe tion ĝustatempe malhelpis iu interveninto; alie eble forbrulus nia tuta hejma domo.

*Friponinetoj, neplenumebla kondiĉo de instruisto, orbrilaj moneroj de la kronprinco, kaj mia unua sperto kun akvoklozeto*

Gravan entranĉon en mian vivon, kiel en tiun de ĉiu infano, signifis la akcepto en la lernejon. La unuan klason vizitis knaboj kaj knabinoj komune; en la postaj klasoj ili estis apartigitaj en du diversaj lernejoj.

El la unua lerneja jaro mi memoras precipe du aferojn. La unua rilatas al miaj klaskamaradinoj Paula kaj Erna, filinetoj de la subdistriktestro. Iutage, survoje al la lernejo, mi trovis kupran moneron. Vidis tion Paula kaj Erna. "Kion ci faros per tiu monero?" demandis unu el ili. "Mi donos ĝin al la instruisto" mi respondis. "Donu ĝin al mi, mi donos ĝin al la instruisto!" ŝi proponis. Kaj ĉar mi havis —jam tiam— ian malfortecon por la alia sekso, mi fordonis la trovaĵon. Sed kion tiuj friponinoj faris? Rapidis en proksiman butikon kaj aĉetis por si dolĉaĵojn. Per mia trovitaĵo! Tiam mi sentis, kvazaŭ la mondo pereus. Kiel povas iu agi tiel fripone, kaj eĉ la filinoj de la subdistriktestro! Mi nenion perfidis pri tiu friponaĵo al la instruisto, nek al iu alia, sed mi estis profunde ŝokita.

Dua afero temis pri la naskiĝotago de la landestro. Por tiu okazo la instruisto donis al mi la tekston de versaĵo por deklami. Per si mem nenio memorinda. Sed li diris, ke dum la deklamo mi devas per unu okulo rigardi la portreton de la landestro, kiu pendis surmure super la katedro de la instruisto, kaj la alian okulon direkti al la klaso! Ĉu vi povas imagi la etan knabon faranta la plejeblan sed nature sensukcesan streĉon por plenumi tian neplenumeblan kondiĉon?

La afero kun la trovita monero memorigas min pri alia epizodo kun moneroj. Tiam mi sidis jam en pli alta klaso. Tio okazis en periodo, kiam la plej aĝa filo de la landestro, do la "kronprinco", estis studento ĉe la provinca universitato[6]. Li, same kiel la biciklantoj kaj aliaj bonstataj homoj el la urbo, kelkfoje faris kune kun aliaj studentoj ekskurson al la konata valo. Ĉe tia okazo ili kutimis paŭzi en nia urbeto kaj "freŝiĝi" en la plej distingita loka restoracio nomita "Al

la Sonorilo", apud la preĝeja placo. Iudimanĉe la diservo estis ĵus finita, kaj la publiko komencis forlasi la preĝejon. Sur la placo haltis kelkaj kaleŝoj, kaj disvastiĝis onidiro, ke ĉeestas la kronprinco. Fakte li staris kun siaj akompanantoj sur unu el la kaleŝoj, kun la manoj en la poŝoj de sia pantalono. Li atendis, ke kolektiĝu apud la kaleŝo aro da knaboj. Tiam li retiris la manojn el la poŝoj, el kiuj li fosis nove stampitajn, ore brilantajn kupromonerojn kaj ĵetis la monerojn inter la knabaron. La rezulto estas facile imagebla. Saltante, puŝiĝante, rampante, luktante kaj kriante la knaboj klopodis akiri kiel eble plej multajn el la brilantaĵoj. Ke la placo pro antaŭa pluveto estis pli malpli kota, ne povis ĝeni ilian akiremon. Tiom pli amuziĝis la princo kaj liaj kamaradoj-studentoj. Kompreneble ankaŭ mi partoprenis en la batalo por la orbrilantaj moneroj. Sed kiam, veninte hejmen, mi volis fiere kaj ĝojradie rakonti, ke mi rikoltis sep (!) centonojn el la poŝoj de la kronprinco, min akceptis plenda prediko de mia patrino: "Ho, cia bela dimanĉa kostumo -tute kotŝmirita! Ho, ho!" Kaj mia tuta fiero kaj ĝojo subite estis for. Kial do estus peko malpurigi sian vestaron, se tio tamen estis neevitebla por akiri ore brilantajn monerojn el la poŝoj de la kronprinco?! Ja ekzistas sufiĉe da akvo por purigi ne nur la vestojn sed ankaŭ la kotŝmiritajn manojn kaj vizaĝon.

Ĉe ni la akvon oni devis pumpi el la grundo; akvokonduko en nia urbo tiam ne ekzistis. Sekve ankaŭ akvoklozeto estis ĉe ni io nekonata. Unuafoje mi vidis —kaj uzis— tian, kiam mia patrino foje kunvenigis min al konatoj en la urbo. Sidante sur la klozeto, mi legis sur apuda objekto pendanta je ĉeno la vorton "Tiru!". Post mia farita bezonaĵo sekvinte tiun inviton, mi sentis la akvon ŝpruci en la pelvon sub mi; sed miaj sidvangoj estis tuŝitaj nur de kelkaj gutoj. Duafoja tiro rezultigis iom pli da sukceso; sed mi sentis, ke mia malantaŭaĵo ankoraŭ ne estis sufiĉe purigita. Fine mi do tamen devis uzi paperon, kaj mi pensis ĉe mi, kiom do utilas tia moderna instalaĵo, se la akvo forfluas el sub la konata korpoparto, ne puriginte ĝin!

*Ŝoko pro geografia detalo, kaj pli granda ŝoko pro la ŝovinismo de juna instruisto, kiu nerekte kondukis min al la Esperanto-movado*

La lernejo ne prezentis por mi gravajn problemojn. Inter miaj klaskamaradoj mi ĉiam estis unu el la tri "plej bonaj", kaj mi konsideris tion io memkomprenebla. Unufoje tamen mia sento de propra valoro ekhavis ŝokon: sur unu el la muroj en la laborejo de mia patro pendis granda mondmapo; antaŭ ĝi mi staris ofte dum tuta horo, lasante la konturojn de la kontinentoj kaj oceanoj, la ŝtatlimojn, la liniojn de la riveroj, la montarojn kaj la nomojn de la plej gravaj urboj fiksiĝi iom post iom en mia cerbo. Ne mirigas, ke geografio fariĝis en la lernejo mia plej sciata fako. Mi sciis ankaŭ ĉi tion: ke ju pli oni iras suden, des pli varme estas, kaj des pli malvarme, ju pli oni iras norden. Tiom pli ŝoke estis por mi, aŭdi iutage el la buŝo de la instruisto, ke estas ĉe ambaŭ polusoj plej malvarme sur la tuta Tero! Mi ja estis pensinta, ke ĉe la Suda Poluso devas esti plej varme!

Mallonge post tiu incidento miaj gepatroj sendis min al gimnazio en najbara urbeto, iom pli granda ol nia [7]. Tien mi devis frumatene piedmarŝi ĉ. kvin kilometrojn. Kamarado mia ricevis biciklon. Ankaŭ mi baldaŭ ricevus tian; sed duonan jaron poste nia familio transloĝiĝis al la universitata urbo, kredeble ĉar mia patrino jam definitive enuis pri la kamparurbeta vivo kaj volis fini ĝin. Sed per tio finiĝis ankaŭ mia idilia infaneco, ĉar —kiel multaj aliaj— ankaŭ miaj gepatroj baldaŭ spertis, ke kiel estas facile, forlasi ekzistadon sukcese kvankam pene konstruitan, tiel malfacile estas, konstrui novan en medio pli malpli fremda, eĉ se post vendo de la malnova entrepreno oni posedas iom da kapitalo: ĝi disfluas pli rapide ol atendite. Daŭris jarojn, antaŭ ol mia patro denove povis pli malpli senzorge spiri kaj esti kontenta pri kion li atingis.

Unu epizodon el la unua tempo de mia vizito al gimnazio mi ankoraŭ nepre volas mencii, ĉar ĝi grave influis mian postan vivon. Ĵus estis finita la religia leciono, kie ni lernis, ke "ni devas ami nian proksimulon kiel nin mem", eĉ la malamikojn, kaj sekvis leciono de juna instruisto pri histo-

## H. E. F. A.

### H. E. F. A. — ESTRARO VIZITIS LA PREZIDANTON DE H. E. F.

Pasintan 16-an de februaro veturis al Madrido kvar membroj de la fervojista sekcio de H. E. F. por interkonatiĝi kun la nova estraro de H. E. F. La kunsido daŭris pli ol unu horon; ni interŝanĝis impresojn pri niaj estontaj rilatoj kaj pritraktis la plej gravajn aferojn kiuj koncernas al nia sekcio. Sinjoro Figuerola promesis sian plenan apogon al niaj petoj kaj samtempe helpi nin en RENFE, por atingi ke ESPERANTO ankaŭ estu rajta lingvo por ricevi kromsalajron same kiel fremdaj lingvoj.

Nia impreso pri la renkontiĝo estis tre favora kaj ĉiuj revenis al Barcelono konvinkitaj pri la bona disposicio kaj sindonemo de la nova estraro de H. E. F. En la sekvinta ordinara kunsido de H. E. F. A. la prezidanto informis ĉiujn pri la vojaĝo al Madrido kaj la interkonsentoj inter H. E. F. kaj H. E. F. A.

### NIA KUNVENEJO FARIĜIS MALGRANDA

Same kiel okazas al la infanvestaĵoj, ke infano kreskas sed vestaĵoj ne, ankaŭ nia nova kunvenejo inaŭgurita antaŭ sep monatoj fariĝis malgranda por enteni multnombrajn fervojistojn kiuj ĉiutage vizitas ĝin. Post la inaŭguro de nia nova klubo, multaj junuloj aliĝis al nia movado allogite de la vigleco kiun ili mem vidas en nia esperanta klubo. Tuj estis konstatebla la malgrandeco de nia kunvenejo. Do, ni decidis pligrandigi ĝin aldonante du apudajn ĉambrojn de la sama dometo. La estroj de la lokomotivejo de Barcelono kie situas nia klubo, disponigis al ni tiujn ĉi du novajn ĉambrojn ĉar ili ankaŭ estas entuziasmaj apogantoj de nia movado.

Krom la esperanta biblioteko kaj koresponda E-kurso, ĉiutage ni kunvenas por praktiki esperantan konversacion. Kiel amuzaĵojn ni havas diversajn ludilojn per kiuj ni distras dum la vizitado de la klubo. Por lukti kontraŭ la varmo aŭ malvarmo ni ankaŭ posedas ekspresan kafaparaton kaj elektran malvarmigilon per kiu estas eble al la ĉeestantoj trinki kafon aŭ malvarmajn trinkaĵojn. Inter la membraro oni organizis konkursojn pri kartludo "MUS" kaj ŝakludo; partoprenas ilin pli ol kvindek samideanoj.

Ni esperas ke la pligrandigo de nia kunvenejo estos favora por allogi pli kaj pli la fervojistaron; en ĝi ekzistas vera entuziasmo por ESPERANTO.

*R. Devis*

---

rio. Li rakontis interalie pri la lasta milito inter nia kaj unu el la najbaraj landoj, kaj precipe pri unu sanga batalo, kiu finiĝis per venko de la nialandaj soldatoj [8]. Sed kiam li laŭvorte fanfaronis, ke "tie ni la malamikojn batis en la vizaĝaĉon", mia interno forte ribelis. Kiam okazis la aludita milito, la juna instruisto eĉ ne estis jam naskita. Sed pleje mi indignis pro la malestimiga esprimo "vizaĝaĉo", kaj mi sentis en mia knaba brusto fortan inklinon bati la instruiston en *lian* "vizaĝaĉon". De tiam mi ankaŭ sentis, ke milito estas io abomeninda, la plej abomeninda kio ekzistas en la homa mondo, kaj en mia interno mi decidis batali por la *paco*, kiom miaj estontaj kapabloj permesos.

Fakte do la ŝovinismaj paroloj de la geografia instruisto nerekte kondukis min, jarojn poste, al la *Esperanto-movado*. Kvankam ne estas verŝajne, ke la internacia lingvo, se ĝenerale enkondukita, per si mem rezultigos la eternan pacon, tamen ĝi almenaŭ kapabligos la homojn el diversaj nacioj, sin reciproke pli bone kompreni kaj valortaksi, kaj tio, espereble, kondukos finfine al pli daŭra paco ol la nuna stato de reciproka muteco kaj nekompreno.

NOTOJ

1. Temas pri urbeto Meckenheim.
2. Li posedis modestan presejon kaj eldonis semajnan lokan gazeton.
3. T. e. al la nuna okcidentgermana ĉefurbo Bonn.
4. T. n. Kottenforst.
5. La valon de rivero Ahr, unu el la plej romantikaj flankriveroj de Rejno.
6. Frederiko-Vilhelmo, unue-naskita filo de la lasta germana imperiestro Vilhelmo II-a.
7. Ĝia nomo estas Rheinbach.
8. Temas pri la franca-germana milito 1870/1871.

# 12ª BARCELONO PROVINCA ESPERANTISTA RENKONTIĜO



**S-ro. René Llech Walter salutas S-ron. José Arqués Grané, urbestron de Manlleu.**

Kiel anoncite, la 21-an de junio sukcese okazis en Manlleu la ĉi-jara 12.ª Barcelono-Provinca Esperantista Renkontiĝo.

Pli ol tri cent esperantistoj aliris al Manlleu, kies distanco de Barcelono estas 70 Km., en suna, la unua tago de la somero.

Manlleu estas agrokultura kaj industria urbo situanta sur la ebenaĵo de Vich kaj *apud* la rivero Ter.

Post la vizito de "Grupo Excursionista de Manlleu" sidejo de la Grupo Esperantista oni aliris al la Paroĥejo Sankta Paŭlo, ĵus konstruita preĝejo el moderna arkitekturo, kie okazis meso kun prediko en Esperanto fare de Pastro Claramunt Sch. P. kaj Pastro Casanoves C. M. F.

Patro Casanoves en sia prediko pri Esperanto asertis, ke ĝi ne estas okaza fenomeno: La multaj libroj en Esperanto kaj la kongresoj universalaj atestas la taŭgecon de Esperanto. ĉu por skriba lingvo, ĉu por parola. Tial niaj universalaj kongresoj estas veraj pentekostoj, ĉar ĉiuj interkompreniĝas.

Patro Casanoves ankaŭ atentigis al la eternaj balbutantoj, ke ne estas eble paroli idiomon sen praktiko. Oni devas ĉiutage praktiki, en kunvenoj, legante, aŭskultante diskojn. Estas preferinde praktiki iomete ĉiutage ol entute la saman tempon unufoje en la semajno. Fine li dankis al la urbestraro de Manlleu pro la dediĉita strato Esperanto kaj petis preĝon por la ĵus forpasintaj altmeritaj esperantistoj Marià Solà kaj Francesc Vilà.

Sekve de la Meso kaj post la akcepto en la Urbodomo al la reprezentantoj de la Grupoj, tiuj kune kun la aŭtoritatuloj direktiĝis al la nomigota strato Esperanto. Tiu strato situas en la nova kvartalo de la paroĥejo Sankta Paŭlo. La urbestro S-ro. José Arqués Grané en la ceremonio de la inaŭguro menciis, ke iam Manlleu konis viglan esperantistan vivon, sed, ke poste alvenis etoso de perforto, kiu rekte alkondukis nian landon al la fratmilito, kaj tio velkigis la kulturan emon kaj konsekvence la esperantistan vivon. Nun kun la daŭra paco kiu regas en nia lando, ni devas esperi, ke Esperanto denove pli kaj pli prosperu. La urbestro finis sian paroladon dezirante al la ĉeestantaj esperantistoj la plej agrablan restadon en Manlleu.

Nia samideano L. Puig trafe tradukis de la katulana lingvo al esperanto tiun paroladon.

La elstara franca samideano René Llech-Walter, kiu ĉeestis la renkontiĝon, je la nomo de la esperantistoj gratulis la aŭtoritatulojn de Manlleu kaj S-ro. Bartolomé Costa en la nomo de la Loka Organiza Komisiono dankis al ĉiuj pro ilia veno al Manlleu okaze de la esperantista renkontiĝo.

Post la inaŭguro de la strato Esperanto okazis malfermo de la esperanta ekspozicio en vasta salono de la "Caja de Ahorros Comarcal de Manlleu". La ekspozicio elmontris diversajn aspektojn de la uzado de nia Internacia Lingvo kaj reliefigis la gravecon de la originala literaturo kaj la amplekson de la tradukita. Bele aranĝitaj montrejoj prezentis multnombrajn revuojn kaj periodaĵojn en Esperanto, kaj ilustritaj luksaj broŝuroj montris la kreskantan gravecon, kiun ludas Esperanto en la turismo kaj eĉ en la komerca propagando.

En la aŭditorio de la nomita "Caja de Ahorros" S-ro. Pedro Nuez helpe de diapositivoj faris sian publikan paroladon pri "El problema lingüístico mundial". Tre originala dizertacio kiu klare elmontris per la komentado de diapozitivaj bildoj la longan penadon de la kulturo kaj la civilizo de la pratempo ĝis nun. Estas klare videbla la malekvilibro de la nuna civilizo kiu prosperis konkeri la Lunon sed ne forigis la malsaton, la militon nek eĉ la lingvan problemon. Se renkontiĝus sur la Luno ekspedicioj el diversaj nacioj ili ne povus interkompreniĝi pro tio, ke ili parolus plurajn lingvojn en kontrasto kun eĉ la plej modestaj esperantistoj, kiuj facile povas buŝe interkompreniĝi en niaj internaciaj kunvenoj kaj kongresoj.

Post la fino de la kulturaj kaj publikaj programeroj, sekvis la frateca kunmanĝado. Ĉe la tosto prave diris S-ro. René Llech-Walter, ke post la ĉampano ne taŭgas paroladoj. La franca samideanino Monique Verry deklamis poeziaĵon de nia esperanta kaj kataluna poeto Gabriel Mora Arana rememorigantan nian gloran estinton Marià Solà, kaj S-no. Puig ankaŭ deklamis alian omaĝe al Francesc Vilà.

Fine estis prezentita por la venonta jaro la kandidatiĝo de San Cugat del Vallés por la 13.ª Barcelono-Provinca Esperantista Renkontiĝo, kiu estis unuanime akceptita. Do, antaŭen ĝis la venonta Renkontiĝo por la plena sukceso de Esperanto.

G. M.



# FEDERICO GARCIA LORCA KAJ LIA «CIGANA ROMANCARO» 

*Prelego de Sr. F. de Diego okaze de la II.ª Franca-Hispana Esperantista Renkontiĝo en Jaca.*

*Ĝenerala superrigardo*

La apero, en la jaro 1928.ª, de "Cigana romancaro" kaŭzis tujan sensacion en la hispan-lingva mondo. La furora libro ravis ne nur la membrojn de elitaj poeziaj rondoj, sed ankaŭ la koron de homoj ĝenerale indiferentaj al estetikaj aŭ lirikaj zorgoj. Analfabetaj vilaĝanoj kaj simplaj laboristoj parkeris kaj deklamis, sen arto sed kun ardo, versojn de la libro, kies pliparton ili ne komprenis.

Federico García Lorca atingis per siaj romancoj kion nur la elektitoj de la dioj gustumas: la unuaniman aplaŭdon de ĉiuj tavoloj de tuta popolo. Kun sia intuo kaj instinkto de absoluta poeto, la apenaŭ tridekjara andaluzo plene sukcesis doni formon al verko de mirinda poezia sintezo, kien distiliĝis, en sorĉa kombino kaj en perfektaj dozoj, esoteraj metaforoj apud refrenoj de popolaj kanzonoj; alt-fluga inspiro de versoj nedireble subtilaj apud onomatopeoj kaj kapricaj ripetoj troveblaj preskaŭ laŭlitere en koploj kaj lulkantoj de longa tradicio. Ĉiu do, indiferente ĉu klera aŭ needukita, renkontis en la poezio de García Lorca specialan parcelon de belo.

La romanco, poemo de nedifinita longo ĝenerale el versoj oksilabaj kun asonanca rimo en la paraj, havas longegan tradicion en la hispana poezio; ĝi originis jam en la fruaj tempoj de la lingvo (kiam la kastila komencis balbuti el la kokono de la latina) kaj adaptiĝas plej facile al la naturo kaj strukturo de la hispana. Ĉiuj poetoj, antikvaj kaj modernaj, flegis kaj flegas la romancon. Ĝi, same kiel la koploj, ŝajnas spontane flui de la popolo, kaj ne por nenio García Lorca elektis la popularan romancon kiel veston de sia plej fama libro.

La poeto mem diras:

"De la jaro 1919.ª, en la epoko de miaj unuaj paŝoj en la poezio, mi cerbumis pri la formo de la romanco, ĉar mi komprenis, ke tiu estas la vazo, kiu pli bone adaptiĝus al mia sentemo. La romanco ne progresis de kiam Góngora verkis siajn lastajn, delikatajn "romancillos", kaj la duko de Rivas ĝin faris dolĉa, fluida, hejmeca, kaj Zorrilla plenigis ĝin per akvolilioj, ombroj kaj mergitaj sonoriloj".

"La tradicia romanco estis ĉiam rakonta, kaj tio donis ĉarmon al ĝia fizionomio, ĉar, kiam ĝi iĝis lirika, sen eĥo de anekdoto, ĝi turniĝis en kanzonon. Mi volis kunfandi la romancon rakontan kaj la lirikan, strebante, ke ĉiu konservu sian karakteron, kaj la pozitiva rezulto de tia strebo vidiĝas en kelkaj poemoj de "Cigana romancaro", ekzemple en "Somnambula romanco".

Federico García Lorca plene sukcesis tiurilate, sed tio ne tute klarigas la kialon de la universala aklamo al lia verko. Estis ĉefe la nesuperebla kalibro de lia liriko kaj lia maniero interpreti la eternajn temojn de vivo, morto, angoro kaj amo, viditajn per okuloj de andaluza temperamento, kio metis lin inter la unuaj figuroj de la tut-monda poezio.

Li parolu denove:

"La libro, en sia tuto, kvankam ricevas la nomon cigana, estas la poemo de Andaluzio, kaj mi nomas ĝin cigana, ĉar la ciganoj estas plej altaj, plej profundaj, plej aristokratecaj de mia lando, plej reprezentaj de ties estmaniero kaj gardantoj de la fajro, la sango kaj la alfabeto de la vero andaluza kaj universala. Do la libro spegulas Andaluzion kun ties ciganoj, ĉevaloj, ĉefanĝeloj, planedoj, brizoj juda kaj roma, riveroj, murdoj, apud la vulgara noto de kontrabandistoj kaj la noto ĉiela de nudaj infanoj de Córdoba, kiuj mokas Sanktan Rafaelon. Libro, kie apenaŭ aperas la Andaluzio, kiun oni vidas, sed kie tremas la Andaluzio nevidata. Libro, mi jam diru, ne-pitoreska,

ne-folklora, ne-konvencia, kie ne troviĝas tipaj kostumoj, nek toreadoraj vestoj, nek sombreros... kie la figuroj moviĝas en fonoj miljare oldaj, kaj kie ekzistas nur unu sola roeulo granda kaj obskura, kia ĉielo somera: la Tristo, kiu sin filtras ĝis la medolo de la ostoj kaj ĝis la suko de la arboj, kaj havas nenion komunan kun la melankolio nek kun la nostalgio, nek kun la aflikto aŭ doloro de la animo, ĉar temas pri sento pli ĉiela ol tera: tristo andaluza, kiu estas lukto de amoplena inteligento kontraŭ la nekomprenebla mistero ĝin ĉirkaŭanta".

"Cigana romancaro" pritraktas tion kaj krome multon alian. La relative primitivaj mensostato kaj pensmaniero de la ciganoj agordiĝas kun la propraj instinktoj kaj tendencoj de García Lorca. La vivo natura kaj primara, la atavismaj timoj, la senbridaj pasioj de la ciganoj kun la obsedo pri la morto kaj ties avangardo de sinistraj tentakloj sidas ankaŭ, efektive aŭ sopire, en la spirito de la poeto. Kaj kiel vera andaluzo, li kaŝas sub rideto, sub petolaj kaj leĝeraj versoj, la nedifineblan Triston ciganan, la mil satelitojn kaj heroldojn de la morto, la morton mem, kiu ne ĉiam sin prezentas kun sia horora falĉilo, sed ankaŭ kun la allogo de sia eterna ripozo.

La versojn de García Lorca oni povus ofte kompari kun fenomeno de senkarniĝo, kvazaŭ ni admirus la gracie proporciajn membrojn kaj korpon de bela junulino kaj iom post iom ŝia haŭto diafaniĝus vidigante la skeleton kaj la vakan rikanon de la kranio sub ŝiaj ruĝaj kaj sukaj lipoj. Jen du ekzemploj, ne apartenantaj al "Cigana romancaro":

*Granada kaj 1850*

De mia ĉambro
aŭdiĝas font'.

Radio de la suno
kaj vitolaŭba ŝos'.
La du samtempe celas
al mia propra kor'.

En la ĉiel' aŭgusta
la nuboj drivas for.

Mi pensas min senpensa
interne de la font'.

*Lunduono*

Iras luno sur la akvo.
Kiel paca la ĉielo!

Ĝi tre malrapide falĉas
oldan tremon de l' rivero,
kaj samtempe juna branĉo
prenas ĝin por speguleto.

kie, interalie, tedo pri la vivo kaj sopiro al la morto fluas, kun la morna denso de la esencaj konstatoj, inter la leĝeraj kaj unuavide naivaj linioj.

García Lorca, kiu sentas sin fremda al la vivo regata de la frida maŝinismo, de la racio, havas simpation al tiuj liberaj teridoj: la ciganoj. Kion li aludas en "Cigana romancaro" kaj en antaŭaj poemoj, tion li diskrias senmaske kaj pasie en postaj verkoj, ĉefe en "Poeto en Nov-Jorko", kie li korŝire esprimas sian abomenon al civilizo kruela kaj mekanika. Tiu anarkismema trajto de García Lorca, tiu instinkta malŝato al la leĝoj, konvencioj kaj formalaĵoj trovas kunsentan eĥon ankaŭ en ĉiuj hispanlingvaj landoj, pli proksimaj al Dionizo ol al Apolono, pli fervoraj de la spontano ol de la normo.

Lia polemika "Romanco pri la hispana civil-gvardio" estas, ne tiom akuzo kontraŭ difinita leĝo-truda institucio, kiom atako kontraŭ la sufoke racia mondo plena de reguloj kaj limigoj. La civilgvardio nur simbolas tiun mondon, kiu blinde masakras la liberajn kaj instinktajn impulsojn de la senartifikaj homoj.

García Lorca scias tamen, ke ideala, edena vivo nek ekzistas nek povas ekzisti; liaj aspiroj kaj inklinoj estas do neefektivigeblaj, kaj tio kondukas lin rekte al la nigra konkludo de la finaj versoj de tiu romanco:

Ho, la urbo de ciganoj,
sopirata se vidita!
Serĉu ĝin en mia frunto.
Lun' en sablon sin implikas.

En rondoj ĉefe eksterlandaj oni opiniis la romancaron ia glorigo de la ciganoj, ia senkondiĉa laŭdo al subpremata raso. Sed García Lorca laŭdas nur tion ciganan, kion li povas oponi al la mondo de la reguloj, ĉar li sciis tre bone, ke ĉe la ciganoj, apud *ties primitivismo* liber-ama kaj instinkta, kunekzistas tradicioj kaj tribaj leĝoj eĉ pli rigoraj kaj arbitraj ol la ekster-ciganaj, kaj ke ili vivas submetitaj al aliaj superstiĉoj kaj limigoj. La poeto mem deklaris iam: -Mia ciganismo estas nur literatura temo kaj unu libro. Nenio pli."

## *La dua plano de García Lorca*

Kiel aliaj grandaj poetoj, Federico García Lorca kreas al si specialan terminologion; pli ĝuste, li prenas nombron da ordinaraj vortoj kaj al ties ĝenerala, surfaca senco li aldonas apartajn subsencojn. Resume, li faras simbolojn; kelkajn li prenas el la tradicia poezio; aliaj estas konataj nur en lia andaluza tero, sed pliparte originas en li mem. Sen antaŭa scio de tiaj simboloj, oni trovas pli kruta la vojon al la kerno de la nefacile alirebla mondo de la poeto. García Lorca tamen genie verŝas subtilan ĉarmon sur la periferion de siaj poemoj, do ankaŭ la irantoj laŭ la eksteraj remparoj gustumas ne neglektindan porcion de belo kaj sento.

Denove parolas la poeto:

"Iam mi demandis al kelnero leginta kelkajn romancojn: —Kion signifas.. (kaj ĉi tie mi montris metaforon).

—Mi ne scias— respondis la kelnero.

—Ĉu vi ĝin ŝatis?

—Jes..."

La kelnero ne kaptis la sencon de la versoj, sed sentis ilian magnetan tremon, kaj la sugeston de ilia muziko.

La unua granda simbolo de García Lorca estas la luno. Ĉe li la luno ne estas la luno de la romantikuloj nek la luno de la tradicia poezio, sed potenco maligna, kiu heroldas la morton, aŭ dissolvas la individuan vivon en la nokto sen kantoj kaj konscio de la kosmo. Jam de la unua romanco la luno enrom-pas kvazaŭ en feŭdon propran kaj trudas sin.

Al forĝejo luno venis
en la krinolin' el nardoj.
Ŝin la knabo mire miras.
Ŝin ja miras li sen paŭzo.
En aero sentovibra
ŝi agitas siajn brakojn
kaj, volupta, pura, montras
mamojn el rigida stano.
—Fuĝu, luno, luno, luno,
se revenos la ciganoj,
vian koron ili turnos
je orel- kaj fingr-ornamoj.
—Knabo, lasu, ke mi dancu.
Kiam venos la ciganoj,
surambose vi jam kuŝos
kun fermita okulparo.
—Fuĝu, luno, luno, luno,
mi jam aŭdas la ĉevalojn.
—Knabo, lasu min, ne tretu
mian amelitan blankon.

La rajdanto proksimiĝas
tamburante l' ebenaĵon.
Jam la knabo ĉe l' amboso
fermis sian okulparon.

Tra oliv-arbaro venas,
bronzaj, lacaj, la ciganoj.
Kun palpebroj dorme pezaj
kaj kun relevitaj kapoj.

Ve, la siblo de la strigo!
Kiel siblas ĝi en arbo!
Alte ŝovas sin la luno
kun knabeto ĉe la mano.

Nun en la forĝejo ploras,
plende krias la ciganoj.
Tie vento vigle viglas.
Tie viglas ĝi sen paŭzo.

La sinistran ĉeeston de la luno ordinare akompanas aliaj mort-aŭguraj signoj. Unue la koloroj; la verda havas ĉe García Lorca kuriozan simbolismon. Ĝi ne reprezentas vivon kaj esperon, sed amaron, triston, angoron, pereon. En lia Andaluzio oni asocias la verdon de la citronoj kun la amareco de ilia suko, kaj sendube García Lorca ĉerpis de tio ankaŭ la aliajn parencajn

ekvivalentojn. Per la komenca verso de sia fama "Somnambula romanco": *Verda, ĝin mi volas verda,* li anoncas la tragikan karakteron de la poemo, kaj per la sekvantaj ripetoj de la verso li substrekas la kreskantan sieĝon de la obskuraj fortoj. La verdigo de aliaj elementoj: vento, karno, igas ankoraŭ pli densa la preman atmosferon de la romanco.

García Lorca donas sinistrajn signifojn ankaŭ al la koloroj blanka, flava kaj nigra kaj ĝenerale al ĉio prezentanta tiujn tonojn, dum la koloroj blua, oranĝa, ruĝa, ora, simbolas vivon, amon, feliĉon.

Ankaŭ la floroj, fruktoj kaj arboj de Lorca estas ŝarĝitaj de simbolismo kaj ĝenerale esprimas tion, kion iliaj respektivaj koloroj reprezentas. Malfeliĉon aŭ pereon signas olivo, oliv-arbo, lilio, fig-arbo, jasmeno, migdalo, cikuto, urtiko, nardo, rubuso, helikrizo... dum dalio, magnolio, rozo, laŭro, dianto, ĉerizo... signifas amon kaj vivo-ĝojon. En la jena poemo, García Lorca mirinde manipulas la simbolismon de floroj kaj koloroj.

*Eta arbo, arbo eta*

Eta arbo, arbo eta
seka, verda.

La knabino bel-vizaĝa
sola la olivojn plukas,
dum la vento, tur-fianĉo,
ĉirkaŭzone ŝin brakumas.

Pasas kvar rajdantaj viroj
sur ĉevaloj andaluzaj,
en mantelo nigra, longa,
en kostumo verda, blua.
"Venu Córdoban, knabino"
Ilin ŝi preteraŭskultas.

Pasas tri toreadoroj
junaj kaj talio-suplaj,
en kostum' oranĝo-tona,
kun arĝenta glavo nuda.
"Venu Sevillan, knabino"
ilin ŝi preteraŭskultas.

Kiam la vespero iĝas
violeta hel' difuza,
pasas juna viro, portas
rozojn apud mirtoj lunaj.
"Venu Granadan, knabino"
Kaj ŝi lin preteraŭskultas.

La knabino bel-vizaĝa
plue la olivojn plukas,
dum la griza brako venta
ĉirkaŭzone ŝin brakumas.

Eta arbo, arbo eta
seka, verda.

La poemo ŝajnas enteni nur am-invitojn de junuloj al knabino; sed se oni iom atentas, oni vidas, ke la tuta atmosfero estas nereala kaj ambigue simbola, kaj ke, esence, oni ĉeestas defilon de simboloj kaj malbon-aŭguraj signoj.La invitoj do estas sinistraj, kaj oni komprenas, ke la knabino ilin rifuzas. La romantika junulo de Granada portas "rozojn apud mirtoj lunaj", tio estas, amon kaj feliĉon vualitajn de funebraj antaŭsentoj. La mirto, rilatigita kun la luno, metas interparenteze sian tradician sencon erotikan kaj akcentas sian malfeliĉ-indikan simbolismon, kiu obskurigas la viv-amajn rozojn.

La toreadoroj de Sevilla iras

en kostum' oranĝo-tona
kun arĝenta glavo nuda.

Oranĝo —emblemo de amo kaj feliĉo kaj aludo al la oranĝ-arbaroj de Sevilla— kontrastas kun la armilo blanka. La sama kontrasto aperas ĉe la rajdantoj de Córdoba:

en mantelo nigra, longa
en kostumo verda, blua,

kaj, kvankam la knabino saĝe rifuzas ĉies inviton, tamen en la leganto restas ia tremo de angoro pri ŝia futuro, ĉar la verda koloro metas sian sinistran tonon, kiam ŝi

plue la *olivojn* plukas

Du versoj de "Romanco pri la hispana civil-gvardio" rivelas ĝis kia pinto de genio flugas la inspiro de García Lorca:

"Ĉe la luno, kalabaso
kun la marmelad' ĉeriza"

Apud la mort-anonca luno en la fono, la kalabaso kun sia sinistra flava koloro enfermas en si la vivon liberan kaj ĝojan, kiun reprezentas la ruĝo de la ĉerizoj, kaj aŭguras tiel la ekstermon kaj masakron de la ideala urbo de la ciganoj.

García Lorca do simultane laboras sur du planoj. La ekstera, anekdota plano estas jam belega per si mem kaj, krome, ĝin briligas eĥoj de popolaj koploj kaj diraĵoj troveblaj ankaŭ en tradiciaj kanzonoj. La interna plano, pli densa kaj transcenda, pli pure poezia montriĝas nur per la zorga interpreto de simboloj, alegorioj, metaforoj kaj aludoj.

García Lorca konservis ankoraŭ en sia matura aĝo la freŝajn sensaciojn de la infanaj jaroj, kiam la mondo ĉirkaŭanta plenas de nedireblaj kaj timigaj misteroj, kiam la flustro de folioj, la ululo de strigo, la tenebro nokta kun ombroj de monstraj proporcioj metas en la koron la neracian hororon, de kiu ĉiuj infanoj volas eskapi kaŝante eĉ la kapon sub la litotuko. García Lorca parte ĉerpas sian inspiron el profunda puto, kiu tute ne perdis la sorĉitan akvon de lia infaneco, kaj ties instinktan tremon, ties vizion plenan de svagaj minacoj li transplantas al siaj romancoj. En la romancoj de García Lorca, kiel en la menso de la infanoj kaj de la primitivuloj, la naturo, la objektoj, havas propran vivon kaj manifestas sian humoron kaj emocion kvazaŭ temus pri efektivaj personoj. Cetere, ankaŭ en la tradiciaj kantoj kaj koploj andaluzaj troveblas simila partopreno de la naturo en la homaj eventoj.

Kiam, en "Preciosa kaj la vento", ĉi lasta, en preskaŭ homa personigo persekutas la ciganinon, tiam la streĉe atendanta ĉirkaŭo protestas diversmaniere:

Palo kovras olivarbojn.
Gruntan plaŭdon maro knedas.

En "Duelo", la nokto iel partoprenas la lukton de la viroj:

Nokto, fola de figarboj
kaj de varmaj flustroj ŝvela
ĝis femuroj pik-vunditaj
de l' rajdantoj fale svenas.

Kelkfoje, en la kompleksa mondo metafora de la poeto, li aludas tiajn elementojn de la naturo per belaj kvankam ne malofte perpleksigaj alegorioj. En "Morto de Antoñito Camborio" legiĝas:

Jam anĝelo dande metas
sian kapon sur muslin',
dum aliaj, lacaj ruĝi,
sin lumigas per lumil'.

Ĉi tiuj versoj donis originon al abundaj miskomprenoj kaj misinterpretoj. Oni riproĉis al García Lorca, ke li ne identiĝis kun la tragedio de siaj propraj kreitoj, ĉar li permesis al si la ŝercon intervenigi kontraŭetose frivolajn anĝelojn en tragika momento de la romanco. Krome, pro la multampleksa signifo de la hispana refleksivo, multaj opiniis, ke la anĝelo metis sur muslino ne sian kapon, sed la kapon de la ĵus mortinta Antoñito Camborio.

Tia ne estas la kazo. Kio kaŝiĝas sur la dua plano de la poemo senvalorigas tiun hipotezon. García Lorca tenas sin perfekte serioza al siaj kreitoj, kaj eble li volis iom ŝerceti, sed nur je la kosto de la legantoj, ĉar ne temas pri veraj anĝeloj, sed simple pri *nuboj*. En ĉiuj romancoj, escepte en "Martirigo de Sankta Olalla", la "anĝeloj" signifas nur nubojn.

Ni legu en "San Miguel":

La okulojn plumbajn fermas
la ĉiel' el blankaj bovoj
kaj al duon-ombroj metas
finon per komencaj koroj.

García Lorca denove maskas la nubojn, sed ĉi-foje sub la nomo de bovoj. Kiel interpreti la suprajn versojn? Proksimume jene: la aŭroro iom post iom lumigas la blankajn nubojn, kiuj, ĉe la proceso, perdas la obskurajn partojn kaj akiras ruĝan reflekton super la reduktiĝantaj ombroj de la tero".

En "Mortinta de amo"

la ciganoj kaj serafoj
ludas per akordionoj

eble kaj la ciganoj kaj la serafoj estas nuboj, kiuj ludas nubajn akordionojn; eble nur la serafoj havas vaporan figuron, dum la akordionantaj ciganoj realas.

La akvo havas kompleksan simbolismon en la poezio de García Lorca. La akvo, origino kaj fonto de la vivo, estas ankaŭ sekreta alvoko dissolviĝi en la neniecon. La akvo flua, viva, de la rivero, kaj la akvo ĉiam moviĝanta de la maro reprezentus la flankon pozitivan, kvankam en okazoj la maro kaj "la amara maro" implicus la triston nedifineblan kaj la aflikton, kiuj sufokas kaj konsumas. La akvo stagna en putoj kaj cisternoj simbolus la kontraŭan poluson, t. e. la aspekton negativan.

Apud la vortoj jam menciitaj, jen listo de aliaj aperantaj en "Cigana romancaro" kiuj, per si mem, aŭ per la kunteksto, aŭ kombinitaj en la frazoj enkondukas tion obskuran: minacon, preman antaŭsenton, indikaĵon de morto, rifuzon, foreston.

Bestoj: serpento, kolombo, najtingalo, ĉevalo (ambaŭvalora).

Objektoj kaj iloj: lumilo, kandelo, tranĉilo, glavo, sago, martelo, tintilo, ponardo (ĉio akra, tranĉa), tondilo, amboso.

Konstruoj: arko, balkono, verando, alkovo, koridoro, alero.

Elementoj kaj aspektoj de la naturo; mineraloj kaj metaloj: sablo, kalko, karbo, cindro, kristalo, kupro, dezerto, glacio, lado, fumo, stelo, lumo, flamo, marmoro, nebulo, neĝo, nubo, ŝtono, roko, arĝento, salo, gipso, metaloj (ĝenerale).

Aliaj vortoj, malfacile klasifeblaj: rajdanto (ambaŭvalora), kapoto, klamado, kruco, ligno, rumoro, inko, sulko, ombro, silento, hararo, mateniĝo, nordo.

Ĉirkaŭ la jaro 1920.[a] la hispanan poezion transformis renoviga ŝanĝo. La eĥo de eksterlandaj ismoj —de futurismo ĝis dadaismo— komencis resoni en Hispanujo. Ilia influo baldaŭ fariĝis decidiga. Unu el la karakteraĵoj de la nova poezio konsistis en la superrego de la metaforo. García Lorca, kun alia granda poeto hispana, Rafael Alberti, estas la plej elstara reprezentanto de la metaforismo kaj liaj metaforaj bildoj, ĉiam plenaj de belo kaj de altega poezia inspiro trafadenas la tutan "Ciganan romancaron" kaj glimas kiel diamantoj.

Jen kiel García Lorca metafore priskribas la moviĝon de branĉoj de plorsalikoj super akvo:

Sur speguloj plorsingultas
dancistinoj sentaliaj

aŭ aspekton de la torturo al Santa Olalla:

Ŝian tutan dorson kovras
miloj da arbetoj sangaj,
kies humidec' oponas
al la bisturioj flamaj

aŭ la poioman blankiĝon de urbo sub la neĝo

El inkujoj de la urbo
sin elverŝas inko lanta.

aŭ la sangon fluantan sur la haŭto de Tamar:

kaj koraloj varmaj skizas
rojojn sur blondeta mapo

aŭ la ondojn de la maro, kiuj leviĝante formas kapricajn figurojn:

La ciganoj de la akvo
por sin distri staren metas
laŭbojn el molusko-konkoj
kaj el pino-branĉoj verdaj.

La kombino de simboloj kaj rafinitaj metaforoj kune kun refrenoj kaj versoj de popola deveno donis kiel rezulton la fenomenon de libro, kiu, absolute hispana en sia spirito kaj en sia formo, ĝuas tamen universalan aklamon. Ne mirinde, ĉar, finfine, identaj esperoj kaj angoroj sidas en la ĉiulandaj homoj, kaj, kiam la intuo kaj la sento de genia poeto sukcesas profundiĝi ĝis la plej subtila tremo de nia koro, tiam li tuŝas ne apartan koron de gento aŭ nacio, sed la sam-esencan koron de la tuta homaro.




## 41ª ITALA KONGRESO DE ESPERANTO

OKAZONTA SURMARE DE LA 19ª ĜIS LA 26ª SEPTEMBRO 1970

Jen la ŝipo CARIBIA, kie okazos la krozad-kongreso organizita de Itala Esperanto Federacio laŭ tute originala formo.

**Bona okazo por ĝui belajn tagojn en Esperantujo.**

---

## INTERNACIAJ FERIAJ ESPERANTO-KURSOJ en Danlando

Se vi ne povis partopreni la somerajn Esperanto-kursojn, partoprenu en la Aŭtunaj Feriaj Kursoj de la 18.ª ĝis la 24.ª de oktobro 1970, en la altlernejo JUNAJ HEJMOJ ĉe Arhus, bela regiono ĉe maro kaj arbaro.
Informoj: L. Friis, Ingemannsveg 9, DK-8230 Åbyhoj, Danlando.

---

## ĴUS APERIS

**La longe atendata Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto jam estas havebla.**

**La impona volumego ampleksas 1344 paĝojn en formato 148 x 210 mm.; tio inkluzivas la tabelojn kaj ilustro-platojn, kiuj troviĝas ĉe la fino.**

**La vendoprezo de PIV estas 1800 pesetoj proksimune.**

**Mendu ĝin ĉe la Libro-Servo: F-ino Inés Gastón. Paseo Marina Moreno, 35, 4.º dcha. - ZARAGOZA.**